Jaro VI * N.° 64ª

Aprilo * 1909

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

ENHAVO: Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIª.—Tra la hispana jurnalaro.—Direktaj Komitatoj por 1909.—Hispana Societo p. p. Esperanto, Burgos (Cirkulero).—Se mi scius skribi! ..—Gravaj avizoj —Esperantista Sunnura Kalendaro por 1910ª.—Grava afero.—Memorindaj Datrevenoj de Aprilo.—Pensoj. - Sciigoj.——Spritludoj kaj Diversajoj.—Anoncoj.

## Lia Reĝa Moŝto Alfonso XIIIª

**oficiale akceptis la altan patronadon de la Vª Esperantista Kongreso**

## Tra la hispana jurnalaro

Antaŭ nelonge efektiviĝis feliĉa provo pri propagando tra la hispana ĵurnalaro.

La Burgos' aj ĵurnaloj «El Castellano» kaj «Diario de Burgos» publikigis propagandan artikoleton pri la 5.ª Kongreso de Esperanto en Barcelono kaj ĝia bela festo de Internaciaj Floraj Ludoj. La feliĉa artikoleto rondiris preskaŭ la tutan landon hispanan tra la provinca ĵurnalaro. La artikolo estas jena:

### «La lingvo Esperanto kaj la Floraj Ludoj

Tiu ĉi fama festo, tiel hispana, tiel bela, kaj tiel simpatia, universaliĝas, prenas naturecan karton en la universalaj kongresoj de Esperanto per la nomo «Internaciaj Floraj Ludoj».

En la Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Barcelono de la 5ª ĝis la 11ª de la unuevenonta Septembro efektiviĝos la unua festo de Floraj Ludoj Internaciaj, kaj en la postevenontaj kongresoj ĝi restos kiel unu el la plej belaj kunmetaĵoj el iliaj programoj.

## A través de la prensa española

Recientemente se ha verificado un ensayo feliz de propaganda á través de la prensa española.

Los periódicos de Burgos publicaron un suelto de propaganda acerca del próximo Congreso Universal de Esperanto en Barcelona, y de los Juegos Florales que con tal motivo se han de verificar, que dice textualmente:

### «El Esperanto y los Juegos Florales

Esta culta fiesta, tan española, tan bella y tan simpática, se universaliza, toma carta de naturaleza en los Congresos universales de Esperanto con el nombre de «Internaciaj Floraj Ludoj», (Juegos Florales Internacionales).

En el Congreso universal de Esperanto que se ha de verificar en Barcelona, desde el 5 al 11 de Septiembre, se celebrará la primera fiesta de Juegos Florales, y en Congresos sucesivos quedará como uno de los más bellos números del programa.

Plie la klasikaj temoj de tiu ĉi festo, alkonformigitaj al ĝia internacia mieno, oni proponis aliajn multajn temojn eksterordinarajn kun premioj de societoj, korporacioj, kaj eminentaj personoj, kiuj honoris kun siaj famaj nomoj tiun ĉi kulturan feston, inter kiuj estas iliaj Majestad Moŝtoj la Gereĝoj de Hispanujo, lia Moŝto la hispana Ministro de Enlandaj Aferoj, lia Moŝto la Rektoro de la Barcelona Universitato, lia Moŝto la Episkopo de Urgel, Barcelona deputataro, k. c. k. c. ĝis 41 temojn kaj premiojn.

La 5ª Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono certe estos granda sukceso.»

La ĵurnaloj kiuj publikigis hispane la tradukitan artikoleton estas:

Además de los temas clásicos de esta fiesta, adaptados á su carácter internacional, se han propuesto otros muchos extraordinarios con premios de sociedades, corporaciones y personalidades eminentes que han honrado con sus esclarecidos nombres esta culta fiesta, entre los cuales figuran Sus Majestades los Reyes de España, el señor ministro de la Gobernación, el rector de la Universidad de Barcelona, el señor Obispo de Urgel, Diputación de Barcelona, etc., etc., hasta el número de 41 premios que figuran en total.

El Congreso universal de Esperanto en Barcelona promete ser un completo éxito.»

El suelto copiado ha sido reproducido por los periódicos que por provincias se indican á continuación:

*Alicante*, Diario de Alicante; *Almería*, La Independencia, Crónica Meridional, La Lucha y el Radical; *Avila*, Heraldo, Mercantil, Diario de Avila; *Bilbao*. La Gaceta del Norte, El Liberal, El Nervión, El Noticiero Bilbaíno y el Porvenir Vasco; *Burgos*, Diario de Burgos y El Castellano; *Cáceres*, El Noticiero; *Cádiz*, Diario de Cádiz y La Dinastía; *Ciudad-Real*, El Diario de la Mancha; *Coruña*, El Eco de Galicia; *Cuenca*, El Correo Católico y El Progreso Conquense; *Gerona*, Diario de Gerona y La Lucha; *Granada*, El Noticiero Granadino; *Huesca*, Diario de Huesca; *Jaen*, La Lealtad; *Leon*, Diario de León y León de España; *Lugo*, El Regional, La Idea Moderna, El Progreso y El Norte de Galicia; *Murcia*, El Liberal y La Verdad; *Orense*, El Miño; *Oviedo*, El Correo de Asturias; *Palencia*, Diario Palentino y El Día de Palencia; *Palma de Mallorca*, La Ultima Hora; *Pamplona*, El Diario de Navarra; *Pontevedra*, El Diario de Pontevedra; *San Sebastián*, La Voz de Guipúzcoa; *Santa Cruz de Tenerife*, Diario de Tenerife y El Tiempo; *Sevilla*, El Correo de Andalucía y El Liberal; *Segovia*, Diario de Avisos; *Soria*, Avisador Numantino; *Teruel*, Noticiero Turulense; *Valencia*, La Voz de Valencia; *Valladolid*, El Norte de Castilla, Diario Regional y El Porvenir; *Vitoria*, La Libertad; *Zamora*, Heraldo de Zamora; *Zaragoza*, El Noticiero, Diario de Avisos y Heraldo de Aragón.—Total: Provincias, 34; Periódicos, 58.

# Direktaj Komitatoj por 1909

*Esperantista grupo Medina*, de Medina del Campo.

Prezidanto honora, D.ro Zamenhof.—Prezidanto, S.ro Federico García Díaz.—Viceprezidanto, S.ro Francisco Román Pérez.—Kasisto, S.ro Fernando Gómez Franco.—Bibliotekisto, S.ro Eudaldo Martínez de Bourio.—Sekretario, S.ro Marcelo Lorenzo Plaza.—Vicsekretario, S.ro Julian Fernández Molón.—Voĉdonantoj, S.roj Serafín Pérez Alvarez, José Calvo Recio, Santos Gutiérrez Garoz, Maximiliano Alonso Franco, Juan Gómez del Toral, Pedro Sáez Sáez, Emiliano de Oyáguez Martín y César Martínez Yañez.

Konsulo de Esperanto, S.ro Federico García Díaz, Padilla, 27.

* * *

*Esperantista Klubo Palma*, de Palma de Mallorca.

Prezidanto, S.ro Antonio Rosselló Gómez.—Vicprezidanto, S.ro José Auba, pastro. —Sekretario, S.ro Mateo Bosch Lansó.—Vicsekretario, S ro Francisco Barceló Caymarí.—Kasisto, S.ro Gabriel Alomar Ferragut.—Bibliotekisto, S.ro José Rosselló Ordinas.—Voĉdonantoj, S.roj Bartolomé Font, pastro, kaj Bernardo Rebassa.

Konsulo de Esperanto, S.ro Gabriel Alomar Ferragut, Vallorí, 14.

* * *

*Burgosa Esperantista Centro*, de Burgos.

Honora Prezidanto, S.ro Manuel Esteban.—Prezidanto, S.ro Emilio Sanz Cruzado. —Vicprezidanto, S.ro Antonino Zumárraga.—Sekretario, S.ro José Santos.—Vicsekretario, S.ro Juan A. Martínez.—Kassisto, S.ro Santiago Mira.—Bibliotekisto, S.ro Lorenzo Lámbarri.—Voĉdonantoj, S.roj Samuel Oñate, Emeterio Alonso y José Roira.

Konsulo de Esperanto, S.ro Teófilo Martínez.

* * *

Grupo *Paco kaj Libereco*, de Barcelono.

Prezidanto, S.ro Isidro Canudas.—Sekretario, S.ro Ramón Giralt.—Kontisto, Fino. María Martínez.—Kasisto, S.ro Narciso Vidal —Bibliotekisto, S.ro Juan Gebali.—Voĉdonantoj, S.roj José Vidal kaj Enrique García.

* * *

Grupo *Polusa Stelo*, de Alcañíz.

Prezidanto, S ro Nicasio Dominguez, Rektoro de la Piaj Skoloj.—Vicprezidanto, S.ro Modesto Millán.—Sekretario, S.ro Juan Antonio Andreu, sekretario de la juĝantaro.—Kasisto, S.ro Pablo Morencos, komercisto.—Voĉdonantoj, S.ro Francisco Sales, prokuzisto, Fino. Ramona Andreu kaj S.ro Mariano Betés, komercisto.

---

**HISPANA SOCIETO**

POR LA PROPAGANDO DE

## ESPERANTO

**CIRKULERO**

Burgos, 26 Marto de 1909.

Al niaj kunsocietanoj:

Laŭ propono de la ĵuselirinta Direktanta Komitato, tiu ĉi Societo bonvolis meti ĉe niaj manoj la honoran kaj plaĉan, sed malfacilan rolon, kiun tiel inde kaj saĝe tiu plenumadis.

Tia distingeco, tiel notinda, kiel eble nemeritita, kiun ni tutkore estimas kaj sincere dankas, nin devigas unue turni solene nian plej korinklinan saluton al la hispana esperantistaro, kies bonvoleco tiom nin honorigas, tial ke ĝi lokigas niajn humilajn nomojn antaŭ la jam feliĉe multenombra nomaro de la hispanaj esperantistoj.

La ĉefa tasko, kiun altrudas al ni tiu honorkomisio, estas seniadube rebonigi iujn sengravajn organizajn senperfektaĵojn, kiujn tre diskrete rimarkis per ĝiaj lastaj numeroj nia gazetorgano La Suno Hispana. Al tiu celo ĉefe estas alkondukota do nia penado, kaj ni ne ŝanceliĝas certigi ke niaj klopodoj laŭ tia direkto estos kronataj de la plej plaĉiga sukceso, ĉar ni kalkulas sur la decida helpo de ĉiuj niaj amikoj, sen kies grandvalora kunhelpado, kiun de tiu ĉi momento ni petegas, estus sentaŭgaj niaj fervoraj intencoj.

Plej plezure ni akceptos kaj tutatente studos la observojn kaj iniciativojn, kiuj estos al ni turnitaj de niaj samcelanoj; ni ankaŭ zorge pripensos la decidojn, kiujn ni estos alprenontaj, kaj ni prokuros antaŭ ĉio kaj super ĉio defendi la bonegan harmonion nune regantan inter la diversaj organismoj esperantistaj kaj inter iliaj membroj farante kiel eble plej multe por pligrandigi kaj fortikigi la vicojn de tiu ĉi nia amata anaro, alportante tiamaniere nian sableron al la bela kulturfaro de universala kunfratiĝo sindoneme komencita de nia glora Majstro kaj estimata estro, D.ro Zamenhof.

Baldaŭ ni honoriĝos submetante al la aprobo de ĝenerala voĉdono la reformojn, kiujn ni kredas konvenaj por nia afero, ĉiam kun interkonsenta decido de la eminentaj esperantistoj, kiuj nin antaŭiris en tiu ĉi entrepreno de universala kulturo kaj propagando, sen kies entuziasma kunlaborado oni neniom povas atendi je niaj malgrandaj fortoj.

Vivu la kara lingvo Zamenhofkreita!

*La Prezidanto*, Manuel Esteban.—*La Viceprezidanto*, Rafael Mejorada.—*La Kasisto*, José Santos.—*La Voĉdonantoj*, Rogelio Pérez, Juan Antonio Martínez, Vicente Alonso, Carlos Duquesnay, José Sarmiento, Fermín Fernández, Celestino Merino.—*La Sekretario*, Ignacio Casas.

## SOCIEDAD ESPAÑOLA
PARA LA PROPAGANDA DE
## ESPERANTO

Burgos 26 de Marzo de 1909.

### CIRCULAR

A nuestros consocios:

A propuesta de la Junta Directiva saliente, esta Sociedad se ha servido poner en nuestras manos el honroso y grato, pero difícil cargo, que aquélla tan digna y acertadamente venía desempeñando.

Esa distinción tan señalada como acaso inmerecida, que de todo corazón estimamos y sinceramente agradecemos, nos obliga en primer término á dirigir solemnemente nuestro más afectuoso saludo á todos los esperantistas españoles cuya benevolencia tanto nos enaltece, poniendo nuestros modestos nombres al frente de la ya felizmente nutrida lista de nuestros compatriotas esperantistas.

La principal tarea que nos impone ese honroso cometido, es sin duda alguna la de subsanar ciertas deficiencias de organización que muy discretamente ha señalado en sus últimos números nuestro órgano en la prensa La Suno Hispana. A ese fin, pues, ha de encaminarse principalmente nuestra gestión, y no vacilamos en asegurar que nuestros esfuerzos en ese sentido serán coronados por el éxito más lisonjero, contando como contamos con el decidido apoyo de todos nuestros amigos, sin cuya valiosa cooperación, que desde este momento solicitamos, de poco habrían de servir nuestros fervientes propósitos.

Con el mayor gusto acogeremos y estudiaremos con toda atención las observaciones é iniciativas que se nos dirijan por nuestros colegas; meditaremos también cuidadosamente las decisiones que hayamos de adoptar y procuraremos ante todo y sobre todo mantener la excelente armonía que actualmente reina entre los diferentes organismos esperantistas y entre sus miembros, haciendo cuanto posible sea por engrandecer y robustecer las filas de esta nuestra amada Sociedad, aportando de este modo nuestro grano de arena á la hermosa obra de cultura y fraternidad universal, generosamente comenzada por nuestro insigne maestro y estimado jefe Dr. Zamenhof.

En breve plazo tendremos el honor de someter á la aprobación de la Junta general las reformas que creemos beneficiosas para nuestra causa, de acuerdo siempre con los esperantistas eminentes que nos precedieron en esta empresa de propaganda y de cultura universal, sin cuya entusiasta cooperación nada se puede esperar de nuestras débiles fuerzas.

¡Viva la querida lengua ideada por el Dr. Zamenhof!

*El Presidente*, Manuel Esteban.—*El Vicepresidente*, Rafael Mejorada.—*El Cajero*, José Santos.—*Los Vocales*, Rogelio Pérez, Juan Antonio Martínez, Vicente Alonso, Carlos Duquesnay, José Sarmiento, Fermín Fernández, Celestino Merino.—*El Secretario*, Ignacio Casas.

---

# Se mi scius skribi!...

(EL RAMÓN DE CAMPOAMOR)

I

—Al mi skribu leteron, sinjor' pastro.
—Mi ja scias: por li.
—Ĉu vi lin konas, ĉar en nokt' malluma
Nin kune vidis vi?
Pardonu, sed... —Afero komprenebla.
La nokto... ampropon'...
Donu plumon, paperon. Mi komencas:
*Mia kara Ramon:*
—Kara?... Sed vi jam estas ĝin skribinta.
—Ĉu vi ne volas?... —Jes.
—*Sen vi mi sentas malgajecon...* —Certe.
*Malgajecon sen ĉes'!*
—*Kun korprem' mi komencas...* —Kiel scii
Vi trafas pri dolor'?
—Por maljunul' kristalo ĉiam estas
La junulina kor'.
*Kio sen vi mond' estas? Malĝojejo.*
*Kaj kun vi? Nur eden'.*
—Tion legeble skribu, sinjor' pastro,
Por plej bona kompren'.
—*Kiam mi kisis vin kaj vi foriris...*
—Vi ankaŭ scias ĝin?...
—Kiam oni tre amas kaj kunestas...
Ne hontu, ne, knabin'.
—*Kaj se pro am' ne penas vi reveni,*
*Tia granda sufer'...*
—Sufer'? Nenio pli? Ne, sinjor' pastro,
Mi mortos sen esper'.
—Morti? Ĝi estus ofendeg' al Dio...
Jes, jes, morti por li!
—Mi ja ne skribas *morti*.—Vir' senkora!
Se skribi scius mi!

II

Sinjoro pastr', sinjoro pastr'! Vi vane
Penas komplezi min,
Se ne skribas l' esencon via mano
De mia am' sen fin'.
Ho skribu al li, per Di' ke l' anim' mia
El mi sin tiras for;
Ke senĉese ĉagren' ne min sufokas,
Ĉar helpas al mi plor'.
Ke miaj lipoj, roz' de lia spiro
Ne malfermiĝas plu,
Forgesante la movon de la rido
Pro dolora influ'.
Ke l' okuloj por li nur tiel belaj
Kun dezirega prem'
Ĉar neniu en ili nun sin vidas,
Ĉiam sin fermas mem.
Ke por mi plej kruela turment' estas
Lia restado for;
Ke sonĝante mi aŭdas lian voĉon
Kun rav en ĉiu hor'...
Ke pro li suferante mia koro
Ĝojas kun amebri'...
Al li kiom da aferoj mi ja dirus
Se skribi scius mi!...

EPILOGO

Mia Di'! Brava am'! Mi la leteron
Finas; *Al don Ramon'*...
Por tio scii grekan, nek latinan
Ne montriĝas bezon'.

Tradukis,
V. INGLADA.

# GRAVAJ AVIZOJ

1.ª Oni plikarige petas al ĉiuj sinjoroj sekretarioj de grupoj aŭ kluboj aliĝintaj al *Hispana Societo*, ke ili bonvolu sciigi, kiel eble plej baldaŭ, al tiu ĉi Sekretariejo, per poŝtkarto adresota *strato Puebla, núm. 23, Burgos*, iliajn respektivajn adresojn aŭ loĝejojn, kaj ankaŭ tiujn de iliaj sinjoroj Prezidantoj. Antaŭdankon.

2.ª Dume alvenos la momento enigi alian plisenbaran procedon por monkolekti la ĉiujaran kotizaĵon difinitan al ĉiu societano, oni same petas al tiuj kiuj ne ankoraŭ estus pagintaj tiun nunjaran, ke ili havu la bonecon ĝin efektivigi sen prokraste per la plej facila kaj oportuna rimedo, ekzemple, per hispanaj poŝtmarkoj sendotaj ĉu al tiu ĉi Sekretariejo mem, ĉu al S.ro José Santos, kasisto, kies adreso estas jena: kapitano el la Infanteria Regimento de la Lealtad, numero 30, Burgos.

La Sekretario,
IGNACIO CASAS.

# Esperantista Surmura Kalendaro por 1910a

**Devizo: Neniu tago sen Esperanto**

GESAMIDEANOJ

Subskribinto havas la plezuron informi vin, ke li preparas la eldonon de *Esperantista Surmura Kalendaro por 1910*. Ĉiutaga kalendaro estas novaĵo en la historio de Esperantismo; pro tio mi ne volas eldoni ĝin, antaŭ ol mi scias viajn diversajn konsilojn, dezirojn kaj proponojn, rilate al tiu-ĉi kalendaro, por ke ĝi iĝu laŭ la gusto de l' granda plimulto el vi.

Ŝildo havos amplekson da 25 × 32 centimetroj; ĝi estos bele kolorpresata, reprezentante Esperantan simbolon, laŭ desegnaĵo de sperta desegnisto.

Bloketo havos amplekson da 8 × 12 centimetroj: oni povos forpreni ĉiun folieton, sen difektado.

La antaŭa flanko de l' folietoj surhavos la nomon kaj cifron de l' tago, la nomon de l' monato, kaj kelkajn liniojn por rememordatoj, devizoj, proverboj k. s.

La postflanko de l' folietoj surhavos bonan prozon aŭ poezion.

Ne necese diri, ke la enhavo estos tute neŭtrala, tiel ke ĉia Esperantisto povos aprobi kaj ŝati ĝin.

La prezo de l' tuta kalendaro-afrankite ĉien-estos *nur 60 spesdekoj* aŭ *6 internaciaj respondkuponoj*, kun speciala rabato por kluboj k. c. Cetere el la *unua 100°* da mendintoj (ekster Nederlando), ĉiu ricevos *artan objekton* el mia patrolando.

Mi alvokas ĉiun, kiu havus ion por konsili, deziri aŭ proponi por la bona aranĝo de l' kalendaro, kiel eble plej baldaŭ sciigi tion al mi.

Ĉar la kalendaro estos presata kaj ekspedata en la komenco de Novembro, mi avertas, ke por mendoj venintaj post Oktobro, mi ne povos garantii la liveradon.

Kun samideanaj salutoj,
J. L. BRUIJN, *170 Kepplerstraat*,
HAGO (Nederlando).

Aprilo 1909ª.

D.ro L. Zamenhof, S.ro N. P. Evstiféieff (Bulgarujo) kaj S.ro Dreves Uitterdijk (Nederlando) deziris al mi bonsukceson kaj promesis kunhelpon. Nia Majstro jam sendis poemeton.

vivas feliĉa en la nesia hejmo. Nu, ĉio estas nur efiko de Mario, sen ŝi ni estus pli incitintaj nian venĝemon. Dio scias, ke ni estus por ĉiam malpacintaj! Mi konas mian karakteron, mi konas la vian .. Mario faris, ke ni estu, fine, fratoj. (*Ĉirkaŭprenas lin*).

JOZ. Ŝi tre simpatiis kun vi!

EMAN. Ŝi amuziĝas aŭdante la rakontojn pri miaj vojaĝoj.

JOZ. La vojaĝoj entuziasmigas ŝin. Antaŭlonge mi promesis al ŝí konduki ŝin en Parizon, Londonon, Italujon... vojaĝon tra Eŭropo. Sed miaj aferoj kaj mia farto ne permesis, ke mi al ŝi plenumu la promeson.

EMAN. Nu, vi ja devus fari tian vojaĝon. Veturadi kun kara estaĵo kredeble estas tre rave! Por persono sola, ĉio surhavas ian melankolion en fremda lando.. Ju pli estas grandioza la pejzaĝo, ju pli mirinda la arta verko, des pli ĝi nin premegas per sia grandiozeco!... Solaj antaŭ tia belgrandeco, pigmeoj kontraŭ la grandiozeco!... Sed du amantaj gekoroj, duone ĝuante la admiradon, en dolĉa amgustumado, kiel framdaĵo samtempe mordita de du amantaj gebuŝoj, pli pro la ŝato al ŝmaco, ol al frandaĵo!... Ne, ne estas grandiozaĵo, nek superbelaĵo kapablaj ilin premegi. La malavarbela panoramo de la Naturo, la superravaj malfuŝaĵoj de la Arto... fono akcesora, ornama por ili de io alia pli granda, pli superbela, ol Arto kaj Naturo... La amo, kiu tremetbatas en iliaj elravitaj animoj.

JOZ. Bone, frato, bone! tiun komparon vi ne faris parkere. Multe vi estas vojaĝinta sola... Sed, nu, iun vojaĝeton vi faris akompanate, en dolĉa

amgustumado, kiel vi diras. Estas aferoj, kiujn oni ne povas bone esprimi, ne provinte ilin.

EMAN. Provi ilin? Jes!... Sed ĉe ni estas du vivoj, ĉiam paralelaj. Unu, kiun ni vivas, teksaĵo de la hazardo kaj destino, en kiu ni estas ludiloj de cirkonstancoj, de okazoj neantaŭviditaj, neeviteblaj... Alia, kiun ni revas, trakomunikilo de lumo, kiun la imagado malfermas al aliaj mondoj, kie ni estas superaj al la fatalo de nia destino, kie la teksaĵon de nia vivo oni teksas per fadenetoj de ĉiukolorbrila lumo. Kio en tiu ĉi dua vivo nin frapas, pro sia senkorpeco kaj neesprimebleco, ĝi lasas tiel fundan sentaĵon, kiel tio, kio nin frapas en la unua... kaj el ambaŭ, pli bona estas la imagita, ol la travivita.

JOZ. Tia poezia idealeco ne sidas malbone ĉe negocisto. Kaj oni diras, ke la nombroj elsekigas imagadon!

EMAN. Tio estas, ĉar la nombroj manuzitaj de mi, estis kiel vastega havo da rimoj manuzita de poeto. La mombroj havas ankaŭ sian poezion, kiam ili obee alkuras por esti matematika aserto de la povoplena pensado, kiu ilin elnaskis. Ĉu oni pensis mil? mil ja rezultas... ĉu milmilionojn? do, milmilionoj. Ha! la arto gajnekolekti monon havas ankaŭ sian estetikon. Estas bonaj kaj malbonaj negocoj, tion oni scias; ankaŭ estas belaj kaj malbelaj Ŝajnas, ke estas same diri: Li faris bonan negocon, aŭ li faris belan negocon. Tamen, ne estas same. Kiam oni diras pri negoco, ke ĝi estas bona, ŝajnas, ke oni nur celas la rezultaton, ne la procedon. Sprita aŭ nedelikata en sia plano, finita inter tordiroj, faloj kaj falspaŝoj, se la gajnon fine

oni atingas, ĝi estis bona, la negoco! Kiel diference, kiam bone planliniita pri ĉiuj giaj eroj, kombinita per sprita lerteco, eĉ unu detalo ne deflankiĝas de tio antaŭvidita, ĉio trafas sian celon, kvazaŭ altirita de mirinda sorĉo!... Tiel devas esti la belaj negocoj, tiel la miaj estis ĉiam. Mi estis la Byron' o de la Aritmetiko; en ĉiama orgio de milionoj mi elpensis poemojn miregigajn.

Joz. Certe, miregigaj. Kiuj al vi permesos, fine, kunigi tiujn du vivojn, kiujn vi nomas paralelaj, en belan kaj realan poemon de amo kaj feliĉo.

Eman. Jam estas malfrue por mi!

Joz. Ĉu vi kredas, ke estos malfacile al vi trovi tian virinon, kiel Mario?

Eman. (*Sin levante*). La feliĉuloj certigas, ke tre facile estas feliĉiĝi! Kiel facile repreni brilianton el sur la strato, kiam la piedo ĝin puŝektuŝas! Sensenca frenezulo tiu, kiu elirus ĉiutage el sia domo kun obstino renkontiĝi kun unu! Mi estas humila, Jozef-Ludoviko; ĉar mi multe batalis kontraŭ la sorto, mi scias ke la sorto estas supera al ni. Neniu fieriĝu pri sia feliĉo. Vanta kaj tromemfida estas kiu kredas ĝin meriti!

Joz. (*Malkonfide*). Laŭ tio... mi ne meritas la mian?

Eman. Atinginte ĝin, oni povas sin montri inda je ĝi.

Joz. (*Alproksimiĝante al Emanuelo, mallaŭte*). Ĉu Mario havas ian plendon pri mi?

Eman. Kia ideo!

Joz. Ĝi trafis mian pensadon, mi ne povis ne ĝin eldiri. Ĉar, kiel vi diras, mi ne kredas meriti la feliĉon havi edzine Marion, mi malkonfidas pri mi...

Eman. Sed vi devas al ŝi konfidi.

JOZ. Nu, kelkajn fojojn, mi pensas, ke Mario ne estas feliĉa kun mi. Dio ja scias, ke mi tutkore ŝin amas! Sed, mi ne scias ĝin esprimi! Figuru al vi dolĉeravan melodion en la menso de superega artisto kaj kiel rimedojn ĝin esprimadi la fingrojn mallertajn kaj tremajn, kiuj frapas sur malagorda fortepiano... kelkafoje mia tuta animo, ravita, iras al ŝi en ekstaza adorado... sed nur mia animo... Ŝi neniam min vidis surgenuan kaj mi ĉiam estas ŝin adoranta! Ne, Mario ne scias kiom mi ŝin amas. Vi havas alian karakteron; mi estas certe, ke vi ambaŭ parolis pri mi. Kion ŝi diris al vi? Emanuelo, ĉu ŝi estas feliĉa kun mi? Se ŝi ne estas, mi promesas min korekti, ĝi ne povas esti pro malbonkoreco, mi ne estas malbonkora, ĝi eble estas pro difektoj, kiujn mi ne konas, pro iaj difektoj, kiujn mi trovas ĉe mi kaj penas venki... pro tiaj aferoj, pro bagateloj, kiujn mi povas eviti... Diru al mi ĉion. Kion mi ne farus por vidi ŝin feliĉan?

EMAN. Kial ŝi ne estus? Difektoj! Kiu ne ilin havas? Ŝi diris al mi nenion. Ŝia plej granda malĝojo, tio estas vin vidi malsaneman; jen la sola afero, kiun mi scias... ke vi ambaŭ ne multe ĝuadas je la vivo pro via farto; ke vi ne iras al amusaĵoj; ke vi ne multe vin rilatas kun la mondumo... Tio ne povas esti motivo por malfeliĉo en edzeco, kiam la edzino, kiel Mario, rezignacias vivadi ĉiamhejme.

JOZ. (*Pensema*). Jes, nia vivo ne estas tre gaja.

EMAN. Penu vin animi. Lasu la negocojn, per ili la vivo eluziĝas tre rapide. Ne komencu esti maljuna, kiam Mario ankoraŭ estos juna.

JOZ. Vi estas prava. Mi ŝanĝos mian vivadon. Mi

bedaŭras, ke mi jam entreprenis tiun ĉi novan negocon, kiu min tenos senlibere la tutan jaron. Ni kunvojaĝos, oftiros al amikoj, al teatroj... (*Ŝanceliĝas kvazaŭ atakita de kapturniĝo kaj apogas sin al Emanuelo*).

EMAN. (*Alarmita*). Kio estas al vi?

JOZ. Nenio, eksveno... nenio, ĝi jam pasis (*Furioze*). Ĉu vi ĝin vidas? Sana mi estas! Malbeninda farto! Estas pli bone morti.

EMAN. Ĉu vi volas ion?... Ĉu ĝi jam pasis?

JOZ. Jes, ĝi estas nenio. (*Aŭdante ke Mario alvenas*). Mario; ne diru al ŝi eĉ unu vorton, ŝi ne alarmiĝu... Mi jam bonfartas (*Animiĝante*). Tre bone... Donu al mi cigaredon... (*Sin levas kaj promenas ŝajnigante animitecon*).

## SCENO II

LA SAMAJ *kaj* MARIO

MAR. (*Al Emanuelo*). Diru, kion vi volas. La konsento finiĝis ĉe ni. Mi venas vin malpacigi. (*Al Jozef-Ludoviko*). Vi devas riproĉi Emanuelon, sed tre serioze.

EMAN. Bah!

JOZ. Kio estis?... Mi jam supozas, ian novan donacon... (*Al Emanuelo*). Mario estas prava.

EMAN. Mi tuj foriras...

MAR. Haltu!... (*Montrante juvelujon*). Rigardu... (*Al Jozef-Ludoviko*). Mi ne povas promeni kun li, mi ne povas fikserigardi en montran fenestron... Diru, ke li tion redonu, aŭ ni malpacos; ĝi estas malŝparego.

EMAN. Ĝi ja ne penindas paroli. Pinglo, ĉirkaŭmano... Mi ŝatas, ke vi ilin portu hodiaŭ dum la Reĝteatra prezentado... Ho ve, mi senvole diris, mi malkovris la konspiraĵon... Mi ĉion diros. Mario sentis ŝatdeziron alesti al la hodiaŭvespera prezentado; ĝi estas nova opero, eksterabona teatraĵo; mi sukcesis aĉeti loĝion... Mi invitis vian amikinon Emiliinon kaj ŝian edzon; ili traktas min tiel afable...

MAR. Ĉu vi vidas?... Nepre ni malpacas. Mi diris, ke mi ne iros. Mi ne iros. Jozef-Ludoviko venis hodiaŭ matene el vojaĝo, li certe estas laca, ne ŝatos iri teatron, ĉu ne vere?

JOZ. Nu, ne. Mi deziras aŭdi tiun operon. Mi aŭdis paroli pri ĝi .. Ni iros.

MAR. (*Gaje*). Ĉu vere vi volas, ke ni iru?... Kiel mi ĝojas! Mi ne kuraĝis ĝin diri al vi, sed mi tre deziris iri hodiaŭ en la teatron; oni diras, ke estos belege... Nu, Emanuelo, nur por tiu ĉi fojo ni ne malpacas, multajn dankojn... De kiam ni ne iris al la teatro? Kiu ĝin scias!... Ĉu la loĝio estas partera, vere?... Mi ekuzos la broĉon kaj la koljaron... Mi nescias kiun veston surmeti...

JOZ. Ĉu vi estas kontenta? (*Kun milda mallaŭdo*). Kial vi ne diras ĝin al mi ĉiam, kiam vi deziras iri al la teatro? Kelkafoje vi senigos vin je tiu plezuro!... Vi ne estas por mi malkaŝema.

MAR. Ne kredu, ke ĝi estas por mi ofero. Hodiaŭ vespere mi iros plezure, ĉar vi sanas, ĉar ni iras ĉiuj tri... Irante al teatro malofte, nur iam post iam, tio ŝajnas al ni eksterordinaraĵo: same kiel dum infaneco oni kondukis nin al magia prezentado en kristnaska aŭ noma fes-

to... Ni festos tiel la alvenon de Emanuelo... Al teatro! Kiel dum infaneco... Sed ni iras nokte kaj al la Reĝa teatro!...

EMAN. Kaj ni ne amuziĝos kiel tiam! Mi eliras kaj tuj revenos. Malsuprenirante mi ordonos, ke la veturilo estu preta por la naŭa. (*Al Mario*). Ĉu vi volas ion? Vi bezonas ian objekton? Florojn? Ventumilon?...

MAR. Florojn? Mi havas plenajn la tualetejajn florvazojn... kaj tie ĉi, rigardu. Ĉiumatene li sendigas al mi amason da ili... kaj ventumiloj!... Ne, Emanuelo vi ja estas tre malbone kutiminta. Gardu por tiuj la donacojn, kiuj nur pro ili vin amos. Tie ĉi ni donas la amon senpaga.

EMAN. Kiel, do, oni rekompencas la senpagan amon?

MAR. Per amo.

EMAN. Nu, regalmontroj de amo estas miaj donacoj, kaj se ili iom valoras, tio estas kiel garantiaĵo, ke mi elpagus per koro kaj vivo tiujn, kiujn mi ŝuldas, se la okazo ilin elpagi alvenus. (*Foriras*).

## SCENO III

JOZEF-LUDOVIKO *kaj* MARIO

MAR. Via patrino bone diris! Estas frenezoj de kapo kaj frenezoj de koro. Emanuelo estas korfreneza. Bela frenezo kapabla efektivigi ĉion bonan kaj ĉion grandan, se ĝi trovas okazojn por fari! Sed oni ne pretendu enŝlosi tiajn frenezulojn, nek ilin tiri al la prudento kaj mezuro de la vulgaranimoj. Kio estus fariĝinta Emanuelo

apud vi? La entreprenemaj impulsoj de lia spirito estus turniĝintaj en mizerajn batalojn kontraŭ la patra aŭtoritateco, en facilanimajn malsaĝaĵojn neindajn je lia nobla koro. En taŭga medio por elvolvi sian genion, li atingis riĉakiron, ŝatatecon. Kaj fronte kontraŭ sia konscienco, li sciis sin eduki per sia propra konscienco, kiu estas la plej bona edukanto, kiam la koro estas sana.

JOZ. (*Ironie*). De kiam vi fordonis vin al tiaj profundesploroj? Ĉu vi kaj Emanuelo komencis filozofian interdiskuton? Rimarkigu, do, al Emanuelo, ke lia tuta filozofio kaj ĉiuj leĝoj inspiritaj de lia konscienco, videble en konsento kun lia konduto, ne povos lin senkulpigi pri tio, ke li maldolĉigis la vivadon de mia patro, ke li mortigis lin per ĉagrenado.

MAR. (*Malplaĉigita*). Jozef-Ludoviko!

JOZ. Ĝi estas la vero. Mi ne pretendas, ĉar li atingis la favoron de Fortuno, kiu scias, ĉu alkonformigante leĝojn de sia konscienco al la rimedoj uzitaj por prosperi! ke la sukceso de la kulpo lin absolvu pri ĝi... Sed nur ŝajnas, ke li vin ensorĉis, vi kredas lin supera estaĵo, vi aŭskultas lin kun mirego. Kaj li, sagaca por koni, kie li naskas admiron, per la arta fajraĵo de paradoksoj, strangaj teorioj, absurdaj ideoj, penadas, ke vi lin admiru, ke vi lin komprenu, ke vi lin amu... (*Ekmovo de Mario*) Ke vi lin amu!... kaj li ja plej rapide sciis sin amatigi.

MAR. (*Parte ofendita kaj parte dolorita*). Kaj... ĉu vi ĝin bedaŭras?

JOZ. Bedaŭri ĝin, ne... Mi bedaŭras... Kion mi rimarkadas ĉe vi, de kiam li alvenis, tio estas,

# Grava Afero

## KONKURSO DE «LA BELA MONDO»

La eldonisto kaj la redaktoro de *La Bela Mondo* decidis malfermi konkurson.

KONDIĈOJ de la literatura konkurso:

1e Verki originalan novelon, rakonton aŭ artikolon ilustritan en prozo, kaj skribi ĝin plej legeble *nur* sur *unu* flanko de l' papero.

2e Sendi, per rekomendita poŝto, la manuskripton al la redakcio de *La Bela Mondo*, D.ro Schramm, Dresden-Standehaus, antaŭ la 1a de Julio 1909.

PREMIOJ: La juĝantaro samtempe atentos la elegantecon de la stilo kaj la intereson de la teksto. Ĝi disdonos la sekvantajn premiojn:

**1a premio 50 M. (= 25 Sm.), 2a premio 25 M. (= 12,5 Sm.)**

La aliaj aŭtoroj de bonaj tekstoj ricevos ĉiu po dek markoj da libroj. La premiigitaj tekstoj estos enpresitaj en *La Bela Mondo*. La redakcio konservos por si la rajton, enpresi, post korekto se bezone, la nepremiigitajn tekstojn.

# Memorindaj datrevenoj de Aprilo

1.—1814. Estas detronigata Napoleono I-a.
2.—1791. Mortas la fama oratoro Mirabeau.
3.—1682. Mortas en Sevilja (Hispanujo) la mondfama pentristo Bartolomé Esteban Murillo.
4.—1900. La anarĥiisto Sipido pafas kontraŭ la princo de Gales en stacidomo de Bruselo.
5.—1794. Estas ekzekutata Kamilo Desmoulins.
6.—1814. Ludoviko XVIII-a estas proklamata Reĝo de Francujo.
7.—1899. Grava brulaĵo en Nov-Jorko de 11- etaĝa domo.
8.—1341. Estas kronata en la Kapitolio la fama poeto Petrarca.
9.—1906. Alvenas en Mesinon Liaj Mostoj la Gereĝoj de Anglujo.
10.—1899. Doktoro Bra sciigas la eltrovon pri la mikrobo el la kankra malsano.
11.—1772. Naskiĝas en Madrido (Hispanujo) la fama poeto Manuelo Josefo Quintana.
12.—1798. Estas proklamata la Svisa Respubliko.
13.—1695. Mortas en Parizo la famkonata fablisto Johano de Lafontaine.
14.—1865. Estas mortigata la Prezidanto de U. S. A. Abraham Lincoln.
15.—1797. Naskiĝas en Marselja la fama aŭtoro Adolfo Thiers.
16.—1788. Mortas en Parizo la fama naturisto Buffon.
17.—1790. Mortas la elpensinto de la kontraŭfulmilo, Benjamín Franklin.
18.—1886. La pastro Galeote mortigas la Episkopon de Madrid-Alkalá, S.ro Martinez Izquierdo.
19.—1824. Mortas la glora angla poeto Lord Byron.
20.—1856. Mortas la eminenta muzikverkisto franca Adolfo C. Adam.
21.—1893. Mortas la geografia esploristo Eduardo Stanley.
22.—1889. Unua prezentado de la fonografo de Edison antaŭ la Scienca Akademio de Parizo.
23.—1616. Mortas la ĉiekonata hispana aŭtoro Mikaelo Cervantes Saavedra.
24.—1564. Naskiĝas la ĉiekonata angla poeto Shakespeare.

25.—1595. Mortas en Romo la glora itala poeto Torkuato Tasso.
26.—1896. Grava brulaĵo de 150 domoj en Cripple-Crook (Kolorado).
27.—1881. Mortas en Parizo la fama gazetisto Emilio Girardin.
28.—1881. Mortas en Frankfort la ĥemiisto Bottger, eltrovinto de la *Colodion.*
29.—1429. Eniras en Orleans'on la heroino *Johanino de Arco.*
30.—1906. Alvenas en Gibraltar'on, reveninte el Hindujo Liaj Moŝtoj la Geprincoj de Gales.

Kolektis kaj tradukis.
ESP-ISTO 17.206.

# PENSOJ

La vero eniras en reĝajn palacojn, kiam oni disbatas iliajn pordojn.—*Barrere.*

* * *

Kiam ni estas kun amiko, ni estas nek solaj, nek du.—*Barthelemy.*

* * *

Kiuj malŝatas virinon, ne komprenas ŝin.—*Basora.*

* * *

La profunda studo pri modo, estas la literaturo ĉe la virinoj.—*Beauchene.*

* * *

Imitado supozigas ĉiam malsuperan talenton en imitanto.—*Bello.*

* * *

La virino estas miksaĵo de singardemo kaj malsingardemo; de virto kaj malvirto; de boneco kaj kolero; de ambicio kaj malavareco; de malforteco kaj forteco.—*Bescherelle.*

* * *

Sufiĉas esti viro por esti bona patro, kaj estas necese esti bonulo por fariĝi bona filo.—*Blanchard.*

* * *

Estas pli da nobleco kaj animgrandeco en pardono, ol en venĝo.—*La Sama.*

* * *

Malspritulo trovas ĉiam pli malspritan viron, kiu lin admiras.—*Boileau.*

* * *

Kiam la konstitucio de ŝtato estas enigmo, ĝia estonto estas problemo.— *Bonala (Vicgrafo).*

* * *

Lukso estas nur malriĉeco de altranguloj.—*La Sama.*

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

En la Belarta Klubo de Madrido jam komenciĝis kurso de Esperanto.

La Delegito de U. E. A. en Zaragoza estas S.ro Antonio Cruz, kiu loĝas strato Azoque, 16, 2.°

## DE ESPAÑA

En el Círculo de Bellas Artes de Madrid ya ha empezado el curso de Esperanto.

El Delegado de la V. E. A. en Zaragoza es D. Antonio Cruz, que habita calle Azoque, 16, 2.°

Malĝoje ni ricevis la sciigon pri la morto de nia juna kunbatalanto Honorato Almiñana Ferrer, voĉdonanto de la Komitato de la Grupo de Simat de Valldigna.

Al lia nekonsolebla familio kaj kungrupanoj ni sendas la esprimon de nia vera kondolenco.

Con tristeza recibimos la noticia del fallecimiento de nuestro joven compañero Honorato Almiñana Ferrer, vocal de la Junta del Grupo de Simat de Valldigna.

A su inconsolable familia y consocios enviamos la espresión de nuestro verdadero pésame.

En Barcelono oni fondis novan grupon «Paco kaj Libereco» aliĝinta al jam ekzistanta kaj titolita «Tero kaj Libereco».

Ciumerkrede vespere la Esperantista Grupo de Palma donas senpagan kurson de Esperanto al siaj membroj; la profesoro estas S.ro José Rosselló.

Dank' al la varmaj klopodoj de nia kara amiko S.ro M. Millán fondiĝis grupo esperantista en Alcañiz (Teruel), kies direktan komitaton ni publikigas alialoke. Ni sincere gratulas S.ro Millán, kiu tre praktike montras sian sindonecon al nia afero.

En Barcelona se ha fundado un nuevo grupo «Paco kaj Libereco» aliado al ya existente y titulado «Tero kaj Libereco».

Todos los miércoles por la noche el Grupo Esperantista de Palma da un curso gratuito de Esperanto á los socios; el profesor es D. José Rosselló.

Gracias á los fervorosos trabajos de nuestro querido amigo D. M. Millán se ha fundado un nuevo grupo en Alcañiz (Teruel), cuya Junta directiva publicamos en otro lugar. Sinceramente felicitamos al Sr. Millán, que prueba practicamente su adhesión á nuestra causa.

Rogamos á todos los esperantistas españoles que todas las noticias de propaganda las envíen directamente al señor Secretario de la «Sociedad Española», *D. Ignacio Casas, Puebla, 23.—Burgos.*

# Spritludoj kaj Diversajoj

PORTRETO (**Anekdoto**)

La fama pentristo Leon Bonat, kies portretojn oni pagis al li tre malavare estis iam trinkante en la nura gastejo de ia normanda vilaĝo, kiam iu el la ĉeestantaj kamparanoj alparolis lin.

—Certe, Sinjoro ke vi estas najbara bienulo.

—Ne—respondis la artisto.—Mi estas pentristo. Mia specialeco estas la portretoj.

—Ha!—ekkriis surprizita la alparolanto.—Ĝuste, morgaŭ estas la nomfesto de mia edzino, se vi farus mian portreton por surprizi ŝin...

—Kial ne?—diris Bonat, ridetante.

—Sed, diru: Kiom kostos al mi la portreto?

—Kiom vi pensas pagi por ĝi?—demandis Bonat gaje.

—Do... Unu frankon kaj duonon.

—Konsentite.

Kaj la bonhumora pentristo prenis krajonon, desegnis al li la portreton, kiu mirigis la akompanantojn de la originalo.

La kamparano pagis; li foriris kun siaj amikoj kaj preterpasante poste flanke de malfermita fenestro post kiu estis la pentristo, tiu ĉi aŭdis la jenan dialogon:

—Rigardu, kiel perfekta estas via portreto!

—Jes, sed mi estis simplulo. Se mi estus proponinta por ĝi pli malgrandan prezon, eble ĝi nur estus kostinta al mi unu frankon!



## INKOGNITAÎO

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| E | J | U | P | L | A | T | R | O | E |
| K | I | U | F | A | R | I | D | A | N |
| E | N | L | A | D | O | M | O | Ĉ | E |
| M | A | R | T | E | L | O | P | L | I |
| Ĉ | I | O | K | I | R | A | S | O | J |
| L | I | Ĉ | I | E | L | B | U | L | O |
| T | A | P | I | Ŝ | O | K | I | A | M |
| O | F | E | R | D | E | K | O | K | E |
| M | O | N | Ŭ | F | R | E | N | E | M |
| A | L | M | O | Z | U | L | O | J | E |

Tondu la ĉi supran kvadraton laŭ tri pecoj sub la jenaj kondiĉoj:

Unu el tiuj pecoj devas havi la formon de *litero* el nia alfabeto kaj la literoj, kiujn ĝi entenas, legataj laŭ horizontalaj linioj esprimos:

PROVERBON

*Kiu kaj kie estas la litero?*

---

## HIEROGLIFO

# e n

*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.

Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en lapostvenonta numero.

La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

Solvoj de la *Problemo de la punktoj:*



(La blankaj punktoj montras tiujn, kiujn oni forigas).

32 punktoj, kiuj restas, kaj.
7 » esprimantaj.
Sumo 39

De la *Hieroglifo:* (S-Pes-Milo) Spesmilo.

KURIOZAĴO

Homo, kiu piedirus senhalte tage kaj nokte ĉirkaŭirus la terglobon en 428 tagoj.

★

SPRITAĴO

*Dialogo inter pordistinoj.*

—Ĉu estas vere ke la posedanto de tiu ĉi domo freneziĝis?

—Ho! Jes, tute certe! Hodiaŭ matene oni kondukis lin en la frenezulejon.

—Per kio li elmontris sian freneziĝon?

—Per tio, ke li malaltigis la luprezojn de siaj loĝejoj.

★

UTILA KONINDAĴO

La oleo ne ranciĝas se oni enverŝas en la oleovazon iom da bona konjako aŭ brando de supera kvalito sen anizo. Tiuj ĉi likvoroj, same kiel ia ajn simila, formas sur la oleo tavolon, kiu neebligas la kontakton kun la aero, kio estas la kaŭzo de la ranciĝo.

PENSO

Beleco estas tio, kion naturo unue donaeas al la virinoj, kaj ankaŭ tio, kion unue ĝi al ili forprenas.—*Méré.*



MEMORINDA DIRO

Ia filozofo aĉetis postpagotajn ŝuojn. Kiam li aliris por pagi ilin vidis la butikpordon fermita pro morto de la ŝuisto. Li tiam foriris kaj subitpense intencis propigi al si la monon kaj la ŝuojn, sed tuje kontraŭargumentis tian penson iaj sentoj de konscienca riproĉo. Pripensante sian maljustecon li reiris al la butiko enmetis la pagmonon tra la subfendo de la pordo kaj diris:

—Tiu homo, kiu mortis por la ceteraj ankoraŭ vivas por mi!

Tradukis esperanten,
*Novejarque (Anĝelo).*

ANONCOJ

La fervojaj oficistoj, kiuj intencas ĉeesti en la V[a] Kongreso, en Barcelono, estas petataj sendi ilian adreson al S.[ro] Berlande, 4, rue Cottreau, en Villeneuve-Saint-Georges (Seine et Oise), Francujo, en la celo aranĝi apartan kunvenon de fervojistoj dum tiu Kongreso.

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.